# BELGA ESPERANTISTO

44a Jaro - N-ro 3a - Majo 1952

Ĉefredaktoro :
Maur. JAUMOTTE
Avenuo De Bruyn, 44
Wilrijk-Antverpeno

DUMONATA REVUO, OFICIALA ORGANO
DE
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA
Asocio sen profita celo,
aliĝanta al UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

Socia Sidejo : 19, Avenuo Montjoie, 19, Bruselo

## 36ª Belga Kongreso de Esperanto

Bruĝo, 31-5 ĝis 2-6-1952.



GARDATURO BRUĜO

*Kliŝo Servo Turismo - Bruĝo*



# REGA BELGA LIGO ESPERANTISTA

19, avenuo Montjoie - Bruselo

— ASOCIO SEN PROFITA CELO —

Statutoj : *Moniteur Belge - Belgisch Staatsblad,* n-ro 115, 27 Junio 1936.

## HONORA KOMITATO

S-ro Frans VAN CAUWELAERT,
Prezidanto de la Deputitaro.

S-ro J. VAN HOUTTE,
Ĉefministro, Deputito.

S-ro Achille VAN ACKER,
Eksĉefministro, Deputito.

S-ro Robert CATTEAU,
Vic-Prezidanto de la Senato, Skabeno de Bruselo.

S-ro Lode CRAEYBECKX,
Urbestro de Antverpeno, eksministro, Deputito.

S-ro Georges MAZEREEL,
Senatano.

S-ro Georges MICHELET,
Honora Direktoro de la Komerca Ĉambro de Bruselo.

Kun tiu ĉi numero estas dissendata nova faldfolio eldonita de «Scandinavian Airlines System» okaze de la 37a Universala Kongreso de Esperanto.



BELGA ESPERANTISTO
OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

44a Jaro Majo 1952 N-ro 3a

# Unua Ora Jubileo en nia nacia Movado

Baldaŭ ni veturos al Bruĝo por kongresi, kiel ĉiujare je Pentekosto.

El tuta Belgujo, kunvenos la esperantistoj, ne nur por kunesti, sed ankaŭ kaj precipe por alporti al la Bruĝa Grupo Esperantista, la saluton de la belga samideanaro, okaze de ties ora jubileo.

Ora Jubileo... la unua ora jubileo, kiun ni povas festi ;

Por kompreni plene ĝian signifon, ni devas enpense imagi al ni la situacion en 1902a, en tiu pratempo de nia esperanta movado.

Movado!... Ĉu jam fakte ekzistis movado?... Ne jam okazis Universala Kongreso. La unua estis okazonta nur en 1905a en Boulogne-sur-Mer.

Dise kaj dissemitaj, en diversaj partoj de Eŭropo, ja vivis jam kelkaj centoj da esperantistoj; sed kiuj ne jam renkontis unu la alian aŭ kiuj nur, en tre maloftaj cirkonstancoj, interkonatiĝis.

La unua en Belgujo, S-ro A. J. Witteryck, — kiu poste iĝis ankaŭ la gvidanto de la belga movado — kuraĝis pensi pri grupstarigo.

Kaj li efektive, en Bruĝo starigis lokan grupon, la unuan eron de tio, kio poste iĝis tre vigla propaganda centro kaj la unua kolono, sur kiu, — baldaŭ ni diru : en 1905a — ekkonstruiĝis nia Belga Ligo Esperantista; tiu Ligo, kiu post kelkaj malmultaj jaroj jam, estis skuata de ventego en la kontraŭ-idista batalo.

Restos ĉiam speciala honoro por la Bruĝa Grupo, ke ĝia prezidanto-fondinto kaj ĝia estraro, kune kun kelkaj aliaj, kiel S-ro Van der Biest, patro kaj filo, Pastro Richardson, Oscar Van Schoor kaj Frans Schoofs, restis fidelaj al nia Esperanto, al la universala lingvo de D-ro Zamenhof, kaj ke ili batalis ĝis Belga Ligo estis resaniĝinta de siaj gravaj vundoj.

Krom sia prezidanto-fondinto, Bruĝa Grupo Esperantista ankoraŭ havis tri geprezidantojn. Tiuj estas S-ro Delvaux, kiu mortis, sed kiun kelkaj tamen bone konis; F-ino Yvonne Thooris, la vigla propagandistino kaj lerta gvidantino de antaŭ la milita periodo, kiu pro diversaj kaŭzoj ne plu povas sin okupi pri nia movado, sed kiun ni ĉiam kun speciala plezuro revidas; kaj la funkcianta prezidanto, S-ro Charles Poupeye, kiu dum multaj jaroj estis la sekretario de la Grupo kaj kiu, post la milito reprenis, tiel vigle, la standardon.

Lia tuta familio estas verda familio; sed sub lia gvidado, kaj dank'al liaj penadoj kaj al tiuj de kelkaj nur malmultaj antaŭmilitaj fideluloj, li sukcesis savi la kreitaĵon de S-ro Witteryck kaj rekunigi multe pli ampleksan, multe pli gravan kaj cetere tre gajan verdan familion, kiu ĉiam fieros pro sia fondinto, pro siaj gvidintoj, pro sia bela historio kaj pro la escepta kaj en nia lando unika distingo, kiun al ĝi donis nia Majstro, kiam li iĝis honora prezidanto de la grupo.

Tiun familion ni intencas viziti dum la pentekostaj tagoj, kiel oni, kun speciala plezuro, vizitas parencojn, okaze de kiu ajn ĝojiga okazontaĵo... kaj do certe okaze de tia eksterordinara jubileo.

Maur. JAUMOTTE.

# 36ª Belga Kongreso de Esperanto

« Unu Belga Nacio, unu nacia Ligo, unu Belga Kongreso. »

**Brugo, 31a de Majo ĝis 2a de Junio 1952.**

DEFINITIVA PROGRAMO

Sabaton, 31-an de majo :

14-a : *Malfermo de la akceptejo* en la grupa sidejo, la Hotelo « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », Simon Stevinplaats.

Delegitoj de la L.K.K. atendos la kongresanojn ĉe la stacidomo.

16-a : (en sama ejo) *Jar kunsido de Belga Esperanto-Instituto.*

16½-a : (en sama ejo) *Kongresa laborkunsido.*

Diskuto pri la kongresa temo : « Esperanto kaj Turismo ». Oratora konkurso : « Kial mi batalas por Esperanto »

de la 18 ½-a ĝis la 20 ½-a : liberaj horoj.

de la 20 ½-a ĝis la 1 ½-a : *Granda kongresa Balo* kun bonega orkestro en la dancejo « Tabarin », eniro : Grauwwerkersstraat apud la Urba Teatro.

**Dimanĉon, 1-an de junio :**

9-a : Por la katolikoj : *Diservo* en la Baziliko de la Sankta Sango, placo « Burg » Prediko en Esperanto de Pastro J. De Maeyer.

10-a : *Oficiala akcepto* fare de la Urbestraro en la Gotika Salonego de la Urbdomo, placo « Burg ».

10 ¼-a : *Solena Kongresa Kunsido* (en sama ejo), dum kiu : Generala raporto de la sekretario de R.B.L.E., Resumo de la kongresa temo, Proklamo kaj rediro de la premiita oratoraĵo.

11 ½-a : *Vizito* de la vidindaĵoj de la Urbdomo.

12 ½ : *Fotografado* sur la ŝtuparo de la Provinca Palaco, Granda Placo.

12 ¾-a : *Demeto de floroj* ĉe la Monumento al la Militmortintoj, Karthuizerinnenstraat.

13-a : *Festeno* en « Gouden Hoorn-Cornet d'Or » (prezo, servado enkalkulita : 110 fr.).

15 ½-a : (je la fino de la festeno, en sama ejo) *Memorigo* pri la vivo de la Jubileanta Grupo.

Poste kaj ĝis la 19-a : liberaj horoj.

19-a : *Teatra Vespero* kun la kunlaboro de diversaj Belgaj grupoj, en Kooperativo « Eendracht », Augustinenrei : En tiu ĉi ejo estos, ĉu dum paŭzo, ĉu ĉe la fino — proks la 21a — ebleco por vespermanĝeto per bulkoj kun ŝinko aŭ fromaĝo. La partoprenontoj sin anoncu tuj je sia alveno en la Akceptejo.

22-a : *Pieda promenado* laŭ la lumigataj kajoj ĝis Minnewater.

23-a : *Motorboata ekskurso* sur la lumigataj kanaletoj (prezo 15 fr.).

**Lundon, 2-an de junio :**

8 ¾-a : *Tuttaga aŭtoĉarra ekskurso :* Rendevuo ĉe la Granda Placo.

9-a : (Akurate; oni ne atendigu la aŭtoĉarojn !)

Foriro al la pentrinda urbeto Damme, al Knokke, Zoute ĝis la limo de la

# Rega Belga Esperantista, a. s. p. c.

**ATENTU**

**Ekde la 1-a de julio proks, la Liga Sidejo estos : Rue Général Lodz, 106, Uccle.**

**ADMINISTRANTARAJ KUNSIDOJ**

Antaŭ la ĝenerala jarkunsido, je la 3a, kaj post tiu kunsido, la administrantaro kunvenis por diskuti diversajn problemojn kaj por elekti sian estraron.

Prezidas : S-ro D-ro Kempeneers; Ĉeestas : S-ro Jaumotte, vicprezidanto; S-ino Plyson, kasistino; S-ro Sielens, ĝenerala sekretario; S-ro Soyeur, sekretario; S-roj Van den Bossche, Verstraeten, Poupeye, Groothaert, Paulus, administrantoj.

Senkulpigis sin : S-ro Vandevelde.

*Financa situacio.* — La financa raporto por 1951 kaj la projekto de buĝeto por 1952 estis aprobataj. La Prezidanto ricevis de Ministerio por Publika Instruado promeson pri registara subvencio.

*Novaj delegitoj ĉe UEA.* — Propo-

---

Zwynebenaĵo. De tie laŭ la marbordo ĝis Zeebrugge, kie vizito de la marhaveno. Traveturo de la diversaj marbordaj lokoj ĝis Oostende, kie vizito de la nova havenkvartalo, k.t.p.

Je la 13-a : alveno en Nieuwpoort, malvarma tagmanĝo en Hotelo « Belle Vue » Granda Placo (40 fr. *servado aparte*). Posttagmeze : laŭ Oostduinkerke, al Koksijde; vizito de la ruinoj de la Abatejo de la Dunoj. Traveturo de De Panne ĝis Adinkerke. Tie en instalaĵo « Meli », ebleco por libervola posttagmeza manĝeto kaj diversaj amuzaĵoj. Por fini : *Kampofajra kantado* en pentrindaj apudaj dunoj. Reveno laŭ Veurne, kie mallonga halto, kaj laŭ Gistel ĝis Bruĝo (Prezo de la ekskurso : 85 fr.).

**Jam pli ol cent aliĝintoj !**

**LISTO DE ALIĜINTOJ (sekvo) ĝis la unuaj tagoj de majo :**

85. S-ro De Grael, Antverpeno. — 86. S-ino De Graef (id.). — 87. F-ino Van der Weken Elza, (id.). — 88. F-ino Boereboom, Alice, Bruĝo. — 89. S-ro Decoster Jozef, St-Andries (Bruĝo). — 90. S-ino Decoster J. (id.). — 91. S-ro Demeulenaere D. (Bruĝo). — 92. F-ino Peeters Clara, Antverpeno. — 93. S-ro Dollez J. W. (id.). — 94. S-ro Peelman Pierre (id.). — 95. S-ro Sielens Henri (id.). — 96. S-ino Janssens, (id.). — 97. F-ino Willems Madeleine, Bruĝo. — 98. S-ro Manger Theo, Wattenscheid (Germ.). — 99. F-ino Conselaar Anna, (id.). — 100. S-ro De Coster, Karel (Bruĝo). — 101. S-ro Poupeye, Marcel (id.). — 102. F-ino De Milde, Paula (id.). — 103. S-ro Pastro J. De Maeyer (Wijchmaal). — 104. S-ro Van Cleven (Bruĝo). — 105. S-ino Van Wanseele Brigite (Gento). — 106. S-ro De Kegel, Robert (Charleroi).

Kelkaj enskribintoj, kiuj ĝis nun nur sendis sian kotizon, estas petataj sendi tuj — per aliĝilo aŭ samformata kopio — siajn mendojn por festeno, boata ekskurso, lunda aŭtoĉara ekskurso kaj tagmanĝo kaj precipe por la loĝado. Tiu lasta mendado estas precipe urĝa. Ne plu mendu ĉambrojn en « Cornet d'Or ». La L.K.K. rekomendas « St Joseph », ne centran, sed malmultekostan.

La *Kongresa kotizo* estas de nun 60 fr.

*Adreso por ensendo de la Aliĝiloj* : F-ino Is. Van Parys, Kasistino de la L.K.K., Gistelsteenweg, 310, St-Andries (Bruĝo).

*Kongresaj pagoj al la poŝtĉekkonto 3766.98 de Belga Kongreso de Esperanto*, St-Andries (Brugge).

*Adreso por aliaj korespondaĵoj* : S-ro Ch. Poupeye, Prez. de la L.K.K., Elf Julistraat, 32, Brugge.

*Do ne plu prokrastu, estas nun urĝa tempo*
*Aliĝu tuj... kaj ĝis ĝoja revido en « Bruĝo la bela ».*

noj estas faritaj al UEA pri la elekto de : S-ro Pierre Paulus; kiel delegito en Elisabethville; 2) S-ro J. Soyeur, kiel delegito en Lieĝo, por anstataŭi S-ron Magotteaux, jus mortinta.

*Oratora konkurso dum la Bruĝa Kongreso.* — La juĝa komisiono de tiu konkurso konsistos el : Prezidanto, S-ro H. Castel; membroj, S-ro R. Paulus kaj F-ino Maria Jacobs. Anstataŭantoj : S-roj Van der Stempel kaj Braet.

*Elekto de la Ligestraro.* — Estis elektataj por la jaro 1952-1953 :

Prezidanto : S-ro D-ro P. Kempeneers;

Vicprezidanto : S-ro M. Jaumotte;

Ĝenerala sekretario : S-ro H. Sielens;

Sekretario, S-ro J. Soyeur;

Kasistino : S-ino J. Plyson.

La venonta kunsido okazos la 5-an de Julio 1952.

La Sekretario : J. SOYEUR.

* * *

**Ĝenerala laŭleĝa jarkunsido.**

Ĝi okazis la 26-an de Aprilo 1952, en Bruselo.

Prezidis : D-ro P. Kempeneers, Prezidanto; 40 membroj ĉeestis aŭ estis reprezentataj.

1) La kunsidantaro aŭskultis kaj aprobis la raporton de la administrantaro.
2) Ĝi aprobis la bilancon kaj la kalkulojn de la jaro 1951.
3) La kotizo estas aprobata laŭ antaŭa propono de la administrantaro (tabelo aperinta sur la kovriloj de la B.E.-numeroj 1952).
4) La budĝeto por 1952 estis aprobata.
5) *Laŭstatutaj elektoj.* — Unuanime estis elektataj : Administrantoj :

Antverpeno : S-roj Jaumotte, Sielens kaj Verstraeten.

Bruĝo : S-roj Poupeye kaj Groothaert.

Bruselo : S-ino Plyson kaj S-ro Pilloy.

Gento : S-ro Vandevelde.

Izoluloj : S-ro Paulus.

Alelektitaj : S-roj D-ro Kempeneers, Van den Bossche, Soyeur.

Komisaroj : S-roj Mathieux Alofs kaj Everaerts.

La Ĝen. Sekretario, H. SIELENS. La Prezidanto, P. KEMPENEERS.

**Raporto de la Administrantaro**

*je la Ĝenerala Kunsido de R.B.L.E. 26-4-52*

Komencante nian raporton pri la vivo de nia Ligo kaj pri ĝia agado dum la antaŭa jaro, ni, je la nomo de la Estraro, volas unue danki ĉiujn personojn, kiuj ĉeestas la ĝeneralan jarkunvenon : ili montras tiumaniere sian grandan intereson por nia afero.

La estraro elektita de la Administrantaro post la jara kunsido okazinta en aprilo 1951 konsistis el : Prezidanto : Doktoro Kempeneers; vicprezidantoj : S-roj Jaumotte kaj Tassin; ĝenerala sekretario : S-ro Vandevelde; kasistino : S-ino Plyson; helpa sekretario : S-ro Verdier.

De tiam, okazis ŝanĝoj en la Administrantaro : Jam de longe, la profesiaj taskoj de S-ro Tassin malhelpis lin agadi laŭ siaj deziroj. En aŭgusto pasinta, pro manko de tempo, li metis je la dispono de la Ligo siajn oficojn de vicprezidanto kaj administranto. Ni bedaŭras tiun decidon : dum multaj jaroj, S-ro Tassin helpis al la disvastigo de Esperanto en nia lando. Ĝis la jaro 1948a, li estis kasisto de nia Belga Ligo; poste, li fariĝis vicprezidanto. En tiuj postenoj, li faris multajn servojn, pro kiuj ni varme dankas lin.

Por fini lian mandaton kiel administranto, la Estraro elektis S-ron Soyeur, el Seraing.

Aliflanke, dum la monato decembro, S-ro Vandevelde, pro sia malbona sanstato kaj ankaŭ pro sia granda aĝo, eksiĝis el sia ofico de ĝenerala sekretario, sed restas kun ni kiel administranto. Ĝis la tago, kiam li deponis oficiale la plumon, S-ro Vandevelde, kvankam malsana, plenumis akurate sian

ĉiutagan sekretarian taskon kaj sian nelaciĝeblan propagandan laboron. Al li ni ŝuldas multon kaj tutkore ni dankas lin pro la granda faritaĵo.

Por anstataŭi lin kiel ĝeneralan sekretarion, la Estraro elektis S-ron Sielens, el Antverpeno, kiu estis jam administranto.

La Estraro kunvenis sesfoje dum la jaro. Dum longaj kunsidoj, ĝi ekzamenis multajn detalojn pli-malpli gravajn, koncerne niajn eksterajn kaj internajn rilatojn, la propagandon, la varbadon, la kongresojn, k.t.p.

Ĝojiga estas la fakto ke, dum la jaro 1951, la nombro de niaj membroj superis je pli ol 10 % tiun de la antaŭa jaro. Spite gravajn malhelpaĵojn, ni havas firman esperon, ke niaj membroj restos al ni fidelaj kaj ke ilia nombro pli kaj pli kreskos.

Nia bulteno, « Belga Esperantisto », aperis regule sub sia nova plibelaspekta kovrilo. En ĝi estas rezervita spaco por la junulara sekcio, kies artikoloj estas tre bone verkitaj de S-roj Verdier kaj Sielens.

Pro la neebleco pligrandigi, per la financaj rimedoj pri kiuj ni disponas, la amplekson de nia bulteno, ni ne plu aperigas la propagandajn nacilingvajn tekstojn. Tiuj artikoloj estas anstataŭigitaj de la trimonataj propagandiloj « De Esperantist » kaj « L'Essor de l'Esperanto ».

Nia 35a Nacia Kongreso okazis en Bruselo de la 12a ĝis la 14a de majo 1951a kaj ĝi estis grandega festo de frateco en la ĉeturbo. Neniam post la Milito, la nombro de la aliĝintoj estis tiel alta : 155 personoj partoprenis ĝin. Tiu kongreso bele sukcesis kaj finiĝis per neforgesebla surpriza tramvetura ekskurso en la bela valona parto de la Brabanta provinco. Gratulojn al la organizintoj !

Ĉi tiun jaron, kiel vi jam tion scias, nia nacia kongreso okazos en Bruĝo. De nun ĝia sukceso estas certigita, ĉar 84 partoprenontoj estis enskribitaj je la 1a de Aprilo. Ni memorigas ke, je tiu okazo, oratora konkurso estos organizata (kiel en Bruselo) kaj ni faras alvokon al la gejunularo; la laŭreato ricevos premion. La temo estas tiu de la proksima Universala Kongreso, t.e. : « Kial mi batalas por Esperanto »

La Universala Kongreso de UEA en 1951 okazis en Munkeno, dum la pasinta aŭgusto. Pro la neĉeesto de S-ro Malmgren, prezidanto de UEA, kiu estis malsana dum multaj monatoj, nia Prezidanto, D-ro Kempeneers, havis la grandan honoron, sed ankaŭ la pezan ŝarĝon prezidi ĝin. Li faris tion majstre; li gvidis la kongreson sperte, kompetentece kaj tamen trankvile. Laŭ deklaro de S-ro Oliver, estrarano de UEA : «... El la viglae kaj iafoje varmegaj diskutoj en la komitato, la Prezidanto sciis, en decida momento, trovi bazon de interkonsento kaj de kompromiso. » Ni aldonu ke lia kuraĝa ferma parolado de la Kongreso estis entute represita de pluraj fremdaj gazetoj, kiel ekzemplo de bela kaj konvinka oratorado. Ni povas esti fieraj pri nia Prezidanto.

La estonta Universala Kongreso okazos en Oslo, dum la monato de aŭgusto. Ĝi promesas ankaŭ grandan sukceson.

Pro nova aranĝo de la laboro, S-ro Georges Van den Bossche ĉesigis sian funkcion de ĉefdelegito de UEA en Belgujo; sed de tiu momento, li plenumis sian taskon en intima

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO KOOPERA SOCIETO

Sabaton, la 13an de majo, je la 16a horo, okazos, en Bruĝo, en salono de la hotelo « Cornet d'Or », la ĝenerala jarkunsido de la akciuloj de Belga Esperanto-Instituto, Koopera Societo, kun jena tagordo :

1. Raporto de la Administrantaro. Aprobo.
2. Raporto de la Komisarinoj : Aprobo.
3. Bilanco kaj Kalkulo de profitoj kaj perdoj. Aprobo.
4. Kvitigo de administrantoj kaj komisaroj pro ilia funkciado.
5. Laŭstatutaj elektoj. S-ro Edgard De Coster, kies mandato finiĝis, estas reelektebla.

La Administranto-Prezidanto,
Maur. JAUMOTTE.

kunlaborado kun nia Ligo. La grupo « La Verda Stelo », kies ano li estas, kaptis la okazon de la jarfesteno de la grupo por speciale honorigi la estintan ĉefdelegiton. Kvindek personoj — vera kongreseto — partoprenis tiun feston.

Ĝis nun konsentis eniri la Honoran Komitaton starigitan de R.B.L.E. : S-ro Frans Van Cauwelaert, ŝatministro, prezidanto de la Deputitaro; S-ro Robert Catteau, vicprezidanto de la Senato kaj skabeno de Bruselo; S-ro Ach. Van Acker, eksĉefministro, deputito; S-ro Mazereel, Senatano kaj S-ro Michelet, inĝeniero, Honora Direktoro de la Komerca Ĉambro de Bruselo. Ni kore dankas tiujn eminentajn personojn okaze de tiu gesto de simpatio kaj de subteno de nia movado.

Ni devas ankaŭ citi kiel gravan okazintaĵon la vojaĝon tra Belgujo de S-ro Profesoro Lapenna, estrarano de UEA. En Bruselo, en la Ateneo Robert Catteau, li parolis publike pri la problemo de la lingvo internacia kaj ĝia solvo per Esperanto. La nombraj aŭskultantoj vigle aplaŭdis la altaniman prelegon de nia eminenta samideano.

En Antverpeno, Profesoro Lapenna paroladis pri sia lando, Jugoslavujo. Tie ankaŭ li rikoltis grandan sukceson.

Ni devus ankoraŭ paroli : pri la granda laboro farita de la grupoj; pri la Gazetara Servo de R.B.L.E., kiu dissendis dum la jaro 1951, 34 propagandajn notojn al 55 flandraj kaj 75 franclingvaj gazetoj; pri la radio-disaŭdigoj en Esperanto; pri la esperantista kampado organizita, dum aŭgusto 1951, de la Kadeta Sekcio de la Ruĝa Kruco de Belgujo, en Villers-la-Ville; pri la nomigo de S-ro Jaumotte kiel Administranto-Direktoro de la Societo « Usinos »; pri la promocio de S-ro Poupeye, kiel oficiro en la Ordeno de la Krono; k.t.p.

Sed tio forrabus tro multe da via tempo; sufiĉas ke ni aludu tiujn diversajn punktojn.

* * *

Tiu mallonga skizo montras al vi — almenaŭ ni tion esperas — ke via Estraro laboras. Ni jam diris kiel nia Prezidanto, D-ro Kempeneers, gvidis la Universalan Kongreson en Munkeno, sed tio estis nur malgranda parto de liaj multnombraj taskoj. Li pretigas la tagordon de niaj kunsidoj, li sin okupas pri la Bulteno, li korespondas kun la presisto, kun la gazetoj, kun la Estraro de UEA kaj ties oficialaj fakoj; li vojaĝas al fremdaj landoj, li faras propagandajn prelegojn kaj li interesiĝas pri la vivo de ĉiuj belgaj grupoj.

Nia vicprezidanto, S-ro Jaumotte, estas ankaŭ ĉefredaktoro de la Bulteno kaj prezidanto de « La Verda Stelo », la plej grava grupo esperantista de Belgujo. En niaj administrantaraj kunsidoj, li partoprenas ĉiujn diskutojn kaj ofte lia granda sperto ebligas trovi la solvon de malfacila situacio.

Flanke de ili, nia kasistino, S-ino Plyson, ordigas avare la kason, sen kiu nenio estus farebla. Sia tasko estas delikata, malagrabla, sendanka kaj necesigas multe da laboro kaj multe da pacienco. La raporto de la komisaroj diros al vi kiel ŝi sukcesis en sia posteno. Dankon, S-ino Plyson !

Gesinjoroj, mi finis. Ni provis montri al vi ke ĉiuj komitatanoj faras sian eblon por plenumi kiel eble plej bone la taskon, kiun al ili vi konfidis. Sed aliflanke, ili rajtas pri via apogo, pri via partopreno al siaj aktivecoj. Ni ne dubas ke ĉiuj vi estas pretaj kunhelpi kaj ni diras al vi : Dankon !

La Protokola Sekretario.

## 37a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

### Oslo, 2-9 de aŭgusto 1952

Je la fino de Aprilo la nombro de aliĝintoj al la Kongreso jam superis la milon, ekzakte 1.070.

**Fervoja rabato** : La norvega Ŝtatfervojo anoncas rabaton por vojaĝoj en Norvegujo en ordinaraj vagonaroj kaj por veturoj de ne malpli ol 100 km.

**Komuna manĝado** : Rabato de 30 % por gejunuloj ĝis 15 jaroj estas antaŭvidata.

**Esperantaj turistaj tagoj en Gotenburgo** : En Gotenburgo okazos la 31. 7 kaj 1-8-52 esperantaj turistaj tagoj, al kiuj estas invitataj partopreni la membroj de la Kongreso en Oslo.

# Paŝo post Paŝo en Esperanto 4. [1]

Ni laŭtvoĉe legis la § 6, 7, 8, 9 kaj 10 de la « Fundamento de Esperanto » kaj ni analizis la diversajn frazojn. Ni trovis verbojn, subjektojn kaj objektojn (komplementojn).

En la komplementoj ni trovas du diversajn kategoriojn, tiujn sen kaj tiujn kun prepozicio. La komplementoj sen prepozicio estas la rektaj komplementoj aŭ rektaj objektoj; la komplementoj kun prepozicio estas la nerektaj komplementoj.

Relegante la supre-cititajn paragrafojn de la Fundamento, ni pensas pri diversaj reguloj :

— *Kie estas la libro kaj la krajono ? Libro* kaj *krajono* estas subjektoj. Ni atentu pri du gravaj faktoj : la subjekto ne devas esti la unua vorto de la frazo. En *Sur la tero kuŝas ŝtono* ĝi (la subjekto) estas eĉ la lasta vorto. Ni evitu la malbonan kutimon de multaj komencantoj meti la -n de klareco ĉe tiaj vortoj, kiujn multaj personoj unuavide konsideras kiel komplementojn. Do estas ankaŭ : *Sur la ĉielo staras la bela suno* kaj ne *la belan sunon* !!! Estas *Antaŭ la domo staras arbo* kaj ne *staras arbon !!*

— *Resti kun leono estas danĝere.* Kio *estas danĝere ? Resti kun leono*-subjekto de la frazo. Kun « esti » oni trovas e-vorton, se la subjekto de la frazo estas verbo, se la subjekto estas tuta frazo aŭ se tute ne estas subjekto.

Ekz. : *Estis terure !* (subjekto mankas).
*Fosi estas lacige* (subjekto estas verbo).
*Ne estas necese citi ĉiujn eblajn ekzemplojn* (subjekto estas tuta frazo).

En la aliaj frazoj, ĉiam troviĝas a-vorto apud « esti » : *la ĉielo estas blua; leono estas forta; la dentoj de leono estas akraj; la patro estas bona; la mano de Johano estas pura; papero estas blanka; la papero estas tre blanka, sed la neĝo estas pli blanka; lakto estas pli nutra ol vino; via pano estas malpli freŝa ol mia; el ĉiuj miaj infanoj Ernesto estas la plej juna; mi estas tiel forta kiel vi; el ĉiuj siaj fratoj Antono estas la malplej saĝa.*

Ĉu tiuj ekzemploj ne estas sufiĉe klaraj ?

— La vortordo estas libera en Esperanto. Ni legas *Resti kun leono estas danĝere* sed ni ankaŭ plenrajtje povus diri *estas danĝere resti kun leono;* ni legas *mi manĝas per la buŝo kaj flaras per la nazo* sed ni same povus skribi *per la buŝo mi manĝas kaj per la nazo flaras* kaj se ni vidas en la « Fundamento » *mi havas pli freŝan panon ol vi,* ni ankaŭ povus trovi *pli freŝan panon ol vi mi havas.*

Estas precize pro tiu libereco en la frazkonstruo, ke necesas bone apliki la regulon pri la -n de klareco, kiu permesas al ni ĉiam retrovi *la subjekton kaj la objekton kaj tiamaniere* bone kompreni la frazon.

* * *

*Ekzerco :* Ni prenu la § 11, 13, 15 kaj 17 (La Feino). En ĉiu frazo ni indiku la subjekton kaj la komplementojn rektajn aŭ nerektajn. Oni klarigu al si ĉiufoje la uzon de la -n de klareco.

H. S.

---

[1] La antaŭaj lecionoj aperis en la numeroj de oktobro kaj decembro 1951a kaj de februaro 1952a.

# FOR LA INTERNA IDEO !

En la Bulteno de la Hispana Federacio Esperantista ni, en la rubriko « Laŭtparolilo de la Esperantistaro », kiu estas io kiel « Libera Tribuno », legis artikolon de Vilhelmo Bosch, el Valencia, sub la sensacia titolo « For la Interna Ideo ».

La aŭtoro, kiu ne celas polemikon, sed nur pripensigi kaj atentigi la esperantistojn, ja antaŭvidas en antaŭvorto, ke « la opinioj, kiujn li esprimas certe ŝokos multnombrajn legantojn. Ankaŭ en nia lando, tiu artikolo certe ŝokos multajn.

Ni tamen kredas ke, en ĉiuj esperantaj revuoj, oni tiom da loko donas al artikoloj en kiuj oni prikantas la « Internan Ideon », kaj parolas ĉiam pri « nia Afero », kaj ke, en tiom da grupoj, oni intense vivigas tiun iom mistikan atmosferon pri kiu parolas la aŭtoro, ke vere, por unu fojo, ni devas havi la kuraĝon kaj eĉ la deziron kaj la volon aŭskulti ankaŭ argumentadon, kontraŭ ne la « interna ideo » mem, sed kontraŭ ĝia uzo antaŭ la publiko, ĉe kiu ni volas propagandi kaj kiun ni volas altiri al ni.

Tial ni represas grandparte tiun artikolon kun espero ke en la grupoj ĝi iĝos okazo por interesa diskuto; sed kun peto ne konsideri ĝian publikigon kiel indikilon pri la opinioj, nek de la redaktoro de la revuo, nek de la gvidantoj de la Ligo :

Ke D-ro Zamenhof havis alte noblan idealon, kaj ke ni ŝuldas al tiu fakto la posedon de lia utila kreitaĵo, tion mi ne kontestos. Sed,ke pro tio ni daŭre nomu lin « Majstro », en la senco morala de la vorto, tion mi malakceptas. Mi rifuzas aliĝi al tiuspeca Esperantismo...

Urĝas, efektive, elekti inter ilo kaj mistiko. Sufiĉe jam ni mallerte predikis Esperantistan Evangelion, pretendante, ke Esperanto egalas Pacon: ĉu ni ja serioze kredas, ke paroli saman lingvon kondukas al nepra interfratiĝo ? Aŭ ŝajne, per Esperanto-bapto mirakle ni katekizos la homojn por la Vero kaj la Bono ?

Ni estu sinceraj por ni mem. Certe, la esperantistoj kun « interna ideo » venis al ni precipe pro ĝi, sendepende de la lingvo (eĉ se ili lernis ĝin !) Tamen, ĉiu povas kaj devas demandi al si, ĉu Esperanto igis lin pli bona ol li estis antaŭe. La bonuloj venas al Esperanto, ĉar ili estas tiaj; sed Esperanto plibonigas neniun.

Estas necese distingi *Esperanton* de *Esperantismo*. Dum la unua nur povas kaj nur rajtas esti lingvo, la dua fariĝis (aŭ ĉiam ĝi estis) Eklezio. Tial la Movado pli aspektas kvazaŭ kongregacio kun propraj ritoj ol publika afero, interesanta la mondon ĝenerale. Pri tio kulpas la esperantistoj, ne la indiferenta publiko.

Himno, Interna Ideo, Floraj Ludoj, Kongresaj Kunvenoj, Pacifismo k. t. p. ĉio ĉi tio logas certan nombron da idealistoj, inter kiuj ni varbas adeptojn pli por Esperantismo ol por Esperanto. Sed tiom longe, kiom ni ne konkeros *por la Lingvo* la aliĝon de praktikaj homoj (komercistoj, teknikistoj, sciencistoj, metiistoj, turistoj, instruistoj k.t.p.) Esperanto ne prosperos !

Tiuj homoj estas dinamikaj, agemaj, influhavaj, kun granda intereso por la sukceso de siaj entreprenoj. Se ni pruvus al ili la utilon de la praktika aplikado kaj uzado de Esperanto, por iliaj respektivaj celoj, ni farus grandan paŝon antaŭen. Sed ni ne parolu al ili pri Interna Ideo. Tio ne gravas por ili. Ili ne havas tempon.

Bedaŭrinde, ne la Idealoj sed Interesoj gvidadas la homojn kaj estras la mondon. Estu bonvenaj al ni la idealistoj. Sed ni ne trudu al la aliaj la Esperantismon, kiam ni simple proponas al ili racian parolilon.

Ni ne perdu nian tempon, kiel ĝis nun. Ni lasu ĉiun pensi laŭplaĉe pri mondorganizo, registarsistemo, politika reĝimo kaj sociordo. (Oni diros al mi, ke ni ja tion faras; ni respektas ĉies opiniojn tiurilate; sed ni konservas la Internan Ideon !). Se ni ne limigas nin al la propagando de la Lingvo, tiam *Occidental*, *Basic English* aŭ la Angla Lingvo, finfine, anstataŭos nin,

NIA VOĈO — ORGANO DE LA JUNULARA SEKCIO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA —

2a Jaro — Majo 1952 — N-ro 3a

## ĈU ESPERANTA KAMPADO EN CHEVILPONT DUM 1952a ?

Multaj gejunuloj, — kaj ankaŭ multaj plenkreskuloj kiuj ilin vizitis — memoras pri la bone sukcesinta esperanta kampada periodo por gejunuloj, kiu okazis, en la unuaj tagoj de aŭgusto 1951a, en bieno de la Ruĝa Kruco de Belgujo, apud la ruinoj de la Abatejo de Villers-la-Ville, nomata « La Muelilo de Chevlipont ».

Sub gvidado de la Nacia Komisaro de la Ruĝa Kruc'-kadetoj kaj de S-ino Jaumotte tiu kampado, kiu okazis en la kadro de pli vasta Ruĝa Kruc'-semajno por kadetoj, iĝis por ĉiuj vere memorinda okazintaĵo.

Kaj la gvidantoj de la T.J.O.-organizaĵo, nome la administranto de Belga Ligo, S-ro Pilloy, kaj la reprezentanto de T.J.O. en Belgujo, S-ro Cullus, havas la nepran deziron iniciati novan kampperiodon dum la somero de 1952a.

Ili antaŭvidas alian formulon, en kiu la eksterlanda reprezentantaro estus multe pli ampleksa ol pasintan jaron, kiam nur F-ino Helmi Veldhuyzen, kiel eksterlandanino, ĉeestis la kampon.

Ne jam estas certe ke, tiun ĉi jaron, tia kampada periodo povos okazi. Ni tamen atentigas ĉiujn gejunulojn esperantistajn kaj, ni volus aldoni esperantemajn, — ĉu ili apartenas al iu junulara movado aŭ ne — ke ili povas sin turni al la subskribinto, se ili havas intereson aŭ se ili deziras informojn pri tia organizaĵo.

Ni diru ke se ni sukcesos aranĝi tian esperanto-semajnon, ĝi okazos de la 27a de julio ĝis la 2a de aŭgusto.

Maur. JAUMOTTE,
De Bruynlaan, 44 WILRIJK.

---

kaj iu el ili alprenos de ni la lokon difinitan por Esperanto de antaŭ pli ol duonjarcento; lokon, kiun ĝi meritas de lingva vidpunkto, la sola valoro vere interesa nuntempe.

Mondpacon, homan harmonion, k.c. ni povas defendi en aliaj apartaj grupoj. Por propagando de lingvo, tiuj argumentoj ofte estas maltaŭgaj, aŭ ne sufiĉe efikaj. Tio, kion faru la esperantistoj, por disvastigadi la lingvon, estu *paroli* ĝin, *ellerni* ĝin; perfektigadi sin en ĝia uzado. Ke en iaj vicoj estu malpli da *samideanoj* (mi ne ŝatas tiun vorton) kaj pli da kapablaj samlingvanoj. Multaj t. n. *samideanoj* masakras la lingvon; ĉar foje, oni renkontas varmajn apostolojn de *Interna* Ideo, kiuj, same varme, tute ne scipovas Esperanton.

Ni metu Esperanton je la servo de ĉiu homo, aŭ grupo da homoj, sen morala perfortigo por ke ili subskribu en ajna morala regularo de Majstro aŭ de Profeto. Ni montru al la publiko per frapaj ekzemploj, ke la Internacia Lingvo Esperanto permesas ŝpari monon, pliigi la profitojn, akceli la komercan trafikon, interŝanĝi pli facile ĉiuspecajn konojn, k.t.p. Materiaj faktoj, kiujn ĉiu komprenas, kaj kiuj favore impresas tiel la fakulojn, kiel la laikojn.

Multaj kontraŭdiros min, asertante, ke ili interesiĝas unuarange pri la Interna Ideo kaj dualoke pri la Lingvo. Se tiuj personoj devus nepre elekti, ili forlasus la lingvon senhezite, preferante la *moralan sencon*, kiun al la instrumento donis la aŭtoro. Ili iru do post la neatingebla *celo en gloro*. Miaflanke, kvankam fervora pacamanto kaj admiranto de la homaranaj sentoj de D-ro Zamenhof, mi dankas la elpensinton de la mirinda lingvo, kaj laŭte krias : For la Interna Ideo !

---

## ANALOGIO.

— Diru al mi, paĉjo, kial la gefianĉoj manpremas unu la alian, kiam ili geedziĝas ?

— Nura formalaĵo. Ankaŭ la boksistoj faras tion, antaŭ la batalo.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO

## Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »
*(Poŝtĉeknumero : 726.54)*

Dum la kunveno de la 21a de marto, S-ro R. Van Eynde parolis kaj montris lumbildojn pri « Oberammergaŭ kaj la pasiaj Ludoj ». La paroladisto prezentis sur la skrenon tutan serion da belegaj kolorigitaj lumbildoj el la regiono de Oberammergaŭ en Bavarujo. Per interesa komentario li klarigis multajn detalojn pri la plej bela parto de Germanujo. Tute meritita aplaŭdo rekompencis la paroladiston.

La 28an, antaŭ la ordinara kunveno, komenciĝis, laŭ peto de pluraj membroj, la perfektiga kurso. La fakto ke S-ro M. Jaumotte ĝin gvidas, estas garantio por ĝia bonkvalito; dudeko da membroj ĉeestis la lecionon. Je la 20.30a S-ro J. Verstraeten prelegis pri « Een mens van goede wil » (Bonvolemulo) de G. Walschap kaj akiris tre belan sukceson.

La 4an de aprilo, dum unu horo kaj duono, la membroj sukcesis plenigi la parolatan ĵurnalon per ĉiuspecaj tekstoj. Krome okazis la ĉiumonata forlotumado de libro. Por festi la paskan atmosferon dum la Sankta Vendreda kunveno, malgranda fiŝplado estis gustumata de ĉirkaŭ 25 membroj en la salono de « Witte Leeuw ». Dum la ordinara kunsido, kiu sekvis, S-ro M. Jaumotte parolis pri la paskaj kutimoj en la mondo, dum S-ino L. Bernaerts, F-ino H. Hofkens kaj S-ro Peelman aldonis kelkajn klarigojn. Paskan surprizon faris F-ino H. Toussaint, en kunlaboro kun sia fratino S-ino L. Bernaerts, organizante loterion kies premioj konsistis el veraj ovaj konkoj kovritaj de paskmotivaj pentraĵoj kaj plenigitaj de bonegaj frandaĵoj. La forlotumado de tiuj memfaritaj premioj kreis gajan kaj amuzan, eĉ bruan atmosferon.

La diskutvespero de la 18a pri « Ĉu ni sendas niajn infanojn al la infanejo ? » estis enkondukata de S-ro H. De Hondt, kiu anstataŭis sian patrinon, malhelpatan pro malsaneco. Tre interesa debato ekestis pri la diversaj instrumetodoj kaj la plej bonaj manieroj por eduki la infanojn. Iĝis tre lerniga diskutvespero.

La postan tagon, La Verda Stelo festis la naskiĝon de la « Printempo » per sukcesplena balo. Por agrabligi la sferon, ĉiu ĉeestanto portis floron — naturan aŭ artefaritan — kaj tio estis okazo por aranĝi konkurson, el kiu S-ino Van Nereaux kaj S-ro Ameryckx elvenis kiel gajnantoj. Agrabla muziko donis al la dancemuloj la eblecon por dancadi ĝis tre malfrue.

Lundon la 21an S-ro M. De Ketelaere komencis en la lernejo de Belgiĉlei nun regulan perfektigan kurson kaj samtempe daŭrigis tiun, kiun S-ro M. Jaumotte komencis antaŭ tri semajnoj en « Witte Leeuw ». 25 lernantoj sekvas tiun kurson. La 25an, oni faris somerajn planojn, t.e. oni priparolis diversajn proponojn por ekskursi dum la someraj monatoj.

La ĉiumonata parolata ĵurnalo de la 2a de majo estis rimarkinda pro la diverseco de la komunikoj; pro tio la aspekto de tia parolata ĵurnalo pli kaj pli alproksimiĝas tian de vera gazeto. Pledas por la bonhumoro de la membroj ke la « kroniko de la ŝercado » prenas ampleksan lokon en la komunikoj.

*Programo de la venontaĵ Kunsidoj* :

Ĉiuvendrede, en « Witte Leeuw » Frankrijklei, 4, je la 20.30a.

*Majo* : la 16an : inaŭguro de la grupa flago kaj amuza vespero; la 23an : filmvespero de S-ro Van Eynde; la 30an : diplomdisdono al la gelernantoj de la printempa kurso; la 31an komuna foriro je tagmezo al la Nacia Kongreso en Bruĝo.

*Junio* : la 1an kaj la 2an : Nacia Kongreso en Bruĝo; la 6an : raportoj pri la Nacia Kongreso; la 13an : diskutvespero enkondukota de S-ro R. Balleux; la 20an : komuna vizito al la Pentekosta Kermeso; la 27an : ekskurso tra la urbo. Dimanĉon, la 22an de junio : autoĉara surpriz-ekskurso.

*Julio* : la 4an : parolata ĵurnalo; la 2an :

## ZAMENHOF-MONUMENTO EN WORGL (Aŭstrujo)

Dimanĉon, la 27an de julio proksima, okazos la solena inaŭguro sur la stacidoma placo de la plej nova urbo de Aŭstrujo Wörgl, de unua Zamenhof-monumento en tiu lando.

Grandaj festoj estas antaŭvidataj kaj ilin ĉeestos la aŭstria federacia kanseliero D-ro ing. L. Figl.

La monumento konsistos el busto de la Majstro el Carrara-marbro kaj soklo el tirola granito.

La tuto staros meze de florparko.

La skulptisto estas la samideano Theodor Ohnesorge, kiu disponigis sian verkon tute senpage.

Tiuj, — ankaŭ eksterlandanoj, — kiuj volas kontribui al la pago de la kostoj de la starigo de tiu ĉi monumento povas sendi 4 respondkuponojn al Hans Steiner, Aŭgasse, 42 Wörgl, Tirolo, Aŭstrujo kaj ili ricevos, okaze de la inaŭguro, fotobildon de la monumento, ŝtampitan per speciala poŝtŝtampo.

---

Diskutvespero; enkondukota de F-ino L. De Winter; la 18an : ekskurso tra la urbo; la 25an : amuza vespero.

*Aŭgusto* : la 1an : parolata ĵurnalo; la 8an : libertempaj raportoj; la 15an : eventuale ekskurseto al la kamparo Heide-Kalmthout (okaze de la festo de Nia Sankta Sinjorino); la 22an : raportoj pri la Internacia Kongreso; la 29an : libertempaj raportoj.

*Septembro* : la 5an : parolata ĵurnalo.

BRUĜO
### Bruĝa Grupo Esperantista.
*(Poŝtĉeknumero : 48.35.35)*

Triopa interparolado kun posta publika raporto okazis la 25-an de marto. La 1-an de aprilo, S-ro Bouquet faris interesan paroladon pri la ofico de sakristiano en katolika preĝejo, montrante kelkajn liturgiajn objektojn kaj klarigante iliajn signifon kaj uzon. Kantlernado kaj portretludado plenigis la vesperon de la 8-a de aprilo. Dum la » Parolata Gazeto » de la 15a de aprilo, artikolo « El la historio de la Bruĝa Grupo » estis legata de la prezidanto, post kio diversaj membroj rakontis humoraĵojn. Kantvespero agrabligis la kunvenon de la 25-a de aprilo. La 29-an de aprilo okazis elmontrado kaj dislotado de persone manfaritaj objektoj, inter kiuj belega pentraĵo, artefaritaj floroj, brodaĵo, trikaĵo kaj diversaj bongustaj dolĉaĵoj.

*Programo de la venontaj kunsidoj :*

Ordinara kunveno : ĉiumarde, je la 20a, en la sidejo : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or » Simon Stevinplaats.

Ni rememorigu ke dum ĉiu kunveno, iu membro faros mallongan paroladon. Krom tio la programo antaŭvidas :

*Junio* : 3an, Raportado pri la Kongreso; 10an, Esperanta kartludado; 17an, Parolata gazeto; 2an, Kanta vespero.

*Julio* : 1-an, S-ro Groothaert : « La legendo de la Reĝino Astrid »; 8an, Triopa interparolado kun posta publika raporto kaj Portretludado; 15an, Parolata Gazeto; 22an, Esperanta kartludado; 29an, Kanta vespero.

*Aŭgusto* : 5an : « Niaj familiaj nomoj » S-ro Ch. Poupeye. 12an : Raportado pri la Universala Kongreso de Oslo. 19an : Parolata Gazeto; 26an, Kanta vespero.

BRUSELO
### Esperantista Brusela Grupo.
*(Poŝtĉeknumero : 12.30.48)*

La antaŭfiksitaj programoj okazis laŭdezire. La 17an de marto kaj la 21an de aprilo S-ro Vander Stempel gvidis la perfektigan kurson kaj pritraktis unue la sufiksojn « ig » kaj « iĝ » kaj due la transitivajn kaj netransitivajn verbojn, kiel kutime kun granda sukceso.

La 7an de aprilo kaj la 5an de majo okazis nia parolata gazeto, kiuj kunvenoj ĉiam distingiĝas per la altvaloraj kaj interesaj prelegoj flanke de la gemembroj. Ili ankaŭ estas plej multnombre vizitataj. En aprilo Panjo Staes akiris per rumana rakonto « Du Lotbiletoj » la plej altan poentnombron kaj en majo S-ino Daems per sia « Virina Rubriko ».

En la monato marto ni havis la plezuron bonvenigi kiel gaston S-inon Hautmann el Zürich, kiu, revenurante al Svisujo preterpasis Bruselon.

La 24an de marto okazis la ekzameno de la

gelernantoj de la du vintraj kursoj. Ili ĉiuj sukcesis, kaj la 3an de marto la grupo aranĝis feston, dum kiu la prezidanto disdonis al la gesukcesintoj iliajn diplomojn. Li direktis al la novbakitaj Esperantistoj kelkajn kuraĝigajn vortojn kaj esprimis la deziron, ke ili daŭrigu la studadon de nia kara lingvo. Post tiu iomete oficiala parto, la prezidanto transdonis al S-ino Elly Staes la pluan gvidadon de la vespero. La manpupoj verve prezentis la « Noaan Arkeon » kaj rikoltis multe da aplaŭdo. La ĉeestintoj ankaŭ aktive partoprenis al la « Noaa Arkeo » ĉar multaj el ili estis kapvestitaj kiel iu besto el la Arkeo. Tiel kreiĝis agrabla festa atmosfero, kiu atingis sian apogeon dum la komunaj societludadoj, kiujn organizis S-ino Elly Staes. Sed ne nur al ŝi, ankaŭ al ŝiaj helpintoj iras nia danko, nome al S-ino Weyn, S-ino Stern, S-ro Jirousek kaj fine al S-ro Vander Stempel, kiu multe laboris por sukcesigi la feston, sed lastmomente pro neatenditaj cirkonstancoj, lia pianludado, kiun oni ĉiam treege ŝatas, ne povis okazi.

La 28an de aprilo S-ro Genin prelegis laŭ sia kutima verva maniero « Belaj Memoraĵoj ».

ATENTU ! ATENTU !

La ministrio pri publika instruado okazigos: *La Dekunuan Semajnon Internacian de Belga Arto* de la 1a ĝis la 10a de aŭgusto.

Eventualaj interesiĝontoj bonvolu turni sin al D-ro Kempeneers.

*Programoj de la estontaj kunvenoj :*

Ĉiulunde, je 20 h. 30. Ejo : « Brasserie St Martin », Place du Grand Sablon, 38. Grote Zavel plein.

*Junio* : La 2an, Pentekosto, ne okazos kunveno. Ĉiuj estu en Bruĝo por ĉeesti la 36an Belgan Kongreson; la 9an, Parolata jurnalo kaj poste raporto pri la nacia kongreso; la 16an, F-ino Kestens « Parolado pri promenado tra Bruselo »; la 23an, Fino de la perfektiga kurso de S-ro Vander Stempel; la 30an, F-ino Obozinski : « Aprilo en Portugalujo ».

*Julio* : La 7an, Parolata jurnalo; la 14an, S-ino Ernst : « Novelo »; la 21an, Nacia Festo, ne okazos kunveno; la 28an, S-ro Verdier : « Sciencaj kuriozaĵoj ».

*Aŭgusto* : La 4an, Parolata jurnalo; la 11an, S-ino Elly Staes : Pri io ajn; la 28an, S-ro Vander Stempel : Pri io ajn; la 25an, Raportoj pri la internacia kongreso en Oslo.

*Septembro* : La 1an, Parolata jurnalo; la 8an, S-ro Jacobs : « Nova Universala Kalendaro ».

## ANONCETO

— 15jara knabino deziras korespondi kun 16-21jaraj knaboj. Rosa Proyer, Wien 16, Haymerlegasse, 18.

---

## El la Esperantista Familio

### NEKROLOGO

« La Verda Stelo » estas kruele trafita per la subita morto de la 22jara Fino Victorine De Kort, juna membrino de la grupo kaj kiu ĵus akiris sian diplomon post la lastfiniĝinta kurso.

Al ŝiaj patrino, avino kaj parencoj ni esprimas niajn plej profundajn kondolencojn.

F-ino Lisette De Winter, membrino de « La Verda Stelo », perdis post mallonga malsano sian karan patron. Ni prezentas al ŝi, al ŝia patrino kaj familianoj la esprimon de nia profunda kunsento.

Al S-ro D. Demeulenaere, sekretario de la Bruĝa Grupo Esperantista kaj familianoj, ni prezentas plej sincerajn kondolencojn pro la morto de septaga fileto (17-4-52).

### GRATULOJ

Al la prezidanto de Bruĝa Grupo Esperantista kaj al S-ino Charles Poupeye, ni prezentas plej korajn kaj amikajn gratulojn okaze de ilia arĝenta edziĝjubileo, kiun ili festis la 5an de majo.

Niajn sincerajn bondezirojn ni prezentas okaze de ŝia edziniĝo, al la fidela samideanino, membrino de Brusela Grupo Esperantista, F-ino Scheerlinck, nun S-ino Corbusier, 12, ch. de Bruxelles, Meerbeke-Ninove.

Tutkorajn bondezirojn al F-ino Marcelle Suy, membrino de Bruĝa Grupo Esperantista, kiu edziniĝis la 3an de majo, kun S-ro Advokato De Pauw, el Blankenberge.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidanto* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario* : S-ro H. SIELENS, Houwerstraat, 12, Antverpeno.
*Sekretario* : S-ro Joseph SOYEUR, 91, rue du Chêne, Seraing.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

---

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto-Asocio

| | A. | B. | C. |
|---|---|---|---|
| I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... | 25,— | 50,— | 100,— |
| *Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... ... ... ... | | | 50,— |
| II. *Membreco kun individua* aliĝo al la internacia organizaĵo : | | | |
| a) *Membro kun Jarlibro* : kiel simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... ... ... ... | 75,— | 100,— | 150,— |
| b) *Membro Abonanto* : kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto » ... | 165,— | 190,— | 240,— |
| c) *Membro Subtenanto* : kiel membro abonanto; pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... ... ... ... | 250,— | 275,— | 350,— |

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

A. Kadetoj (ĝis 18 j.); B. Junuloj (ĝis 21 j.); C. (21 j. kaj pli).

---

## BELGA ESPERANTO INSTITUTO

Koopera Societo

*D-ro L. L. Zamenhof, 1859-1917. Aŭtoro de Esperanto.* — Reproduktaĵo sur poŝtkarto, de la bildo de nia Majstro pentrita kaj donacita al Internacia Esperanto-Muzeo, Wien, de artpentristo Ach. Bentos. Eldono « Esperanto », Oostenstr. 26, Antwerpen. Prezo : Fr. 2.—. La sama bildo estas havebla kiel vera fotografaĵo. Prezo : poŝtkartformato : Fr. 10.—; 24 x 30 cm., Fr. 65.—; 30 x 40 cm., Fr. 100.

Imp. LIELENS, s.p.r.l., 18, rue de la Princesse, Brux. — Tél. 21.10.98